



OF

# Fundamento de Esperanto

TRADUKITA, LAŬ LA PERMESO DE LA AŬTORO
DE
KONSTANTINO KULURI

ELDONO GREKA

PARIS
FRANCUJO. — HACHETTE & C^ie,
79, boulevard St-Germain.

ANGLUJO. — « REVIEW of REVIEWS », *LONDON.*
DANUJO. — ANDR.-FRED. HÖST & SÖN, *KJÖBENHAVN.*
GERMANUJO. — MOLLER & BOREL, *BERLIN.*
HISPANUJO. — J. ESPASA, *BARCELONA.*
ITALUJO. — RAFFAELLO GIUSTI, *LIVORNO.*
POLUJO. — M. ARCT, *WARSZAWA.*
SVEDUJO. — ESPERANTO FÖRENING, *STOCKHOLM.*

1907



FRANCUJO. — HACHETTE kaj K°, 79, Boul. St-Germain, Paris

VERKOJ DE D^ro ZAMENHOF

ĈIU ESPERANTISTO DEVAS ILIN POSEDI

**Fundamento de Esperanto :**
**Eldono Franca, Angla, Germana, Rusa, Pola** (*bindita*) . . . . . 3 »
(*La sama broŝurita*) . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 »
— **Hispana** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1 »
— **Itala**, tradukita de S^ino R. Junck . . . . . . . . . 1 »
— **Greka**, — de S^ro Konstantino Kuluri . . . . . . . 1 »
*Oni vendas aparte :* { **Ekzercaro** (kvinlingva) . . . . . . . . . . . » 75
{ **Universala Vortaro** (kvinlingva) . . . . . . . 1 »
**Fundamenta Krestomatio de la lingvo Esperanto** . . . . . . . . . 3 50
**Hamleto**, tradukita el Shakespeare, *nova eldono* . . . . . . . . 2 »
**La Revizoro**, tradukita el Gogol . . . . . . . . . . . . . . . 1 50
**La Predikanto**, tradukita el « La Biblio » . . . . . . . . . . . » 75

LERNOLIBROJ POR FRANCOJ

**Premier manuel de la langue auxiliaire Esperanto** . . . . . . . . » 10
**Grammaire complète d'Esperanto**, par C. Aymonier . . . . . . . 1 50
**Grammaire et Exercices de la langue Esperanto**, par L. de Beaufront. 1 50
**Corrigé du précédent**, par L. de Beaufront . . . . . . . . . . . » 75
**Commentaire sur la grammaire Esperanto**, par L. de Beaufront . . 2 »
**Texte synthétique**, par L. de Beaufront . . . . . . . . . . . . » 50
**Thèmes d'application**, par L. de Beaufront . . . . . . . . . . . 2 »
**L'Esperanto en dix leçons**, par Th. Cart et Pagnier . . . . . . . » 75
**Corrigé du précédent**, par L. Marissiaux . . . . . . . . . . . 1 »
**Premières leçons d'Esperanto**, par Th. Cart . . . . . . . . . . » 30
**Cours commercial d'Esperanto**, par L. Marissiaux . . . . . . . 1 50
**Corrigé du précédent**, par Th. Cart et M. Procureur . . . . . . » 50
**Dictionnaire Esperanto-Français**, par L. de Beaufront . . . . . . 1 50
**Structure du dictionnaire Esperanto**, par L. de Beaufront . . . . » 30
**Vocabulaire Français-Esperanto** et **Vocabulaire abrégé Esperanto-Français**, par Th. Cart, M. Merckens et P. Berthelot . . . . . . . . . . 2 50
**Vocabulaire des mots spéciaux à la philatélie**, par R. Lemaire . . » 40
**Vocabulaire technique et technologique Français-Esperanto**, par Ch. Vérax . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 50

TEKSTOJ EN ESPERANTO

**Advokato Patelin**, de Brueys et Palaprat, tradukita de J. Evrot. » 75
**Anatomia Vortaro** (kvarlingva) verkita de la Medicina Esperantista Grupo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1 50
**Devjatnin**. *Verkaro* . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 »
**Diversaĵoj**, rakontetoj tradukitaj de S^oj Lallemant kaj Beau . . . 1 25
**Ekzercoj de Aplikado**, de L. de Beaufront . . . . . . . . . . . 1 »
**Eneido**, de Virgilio, kantoj I-XII, tradukita de D^ro Vallienne . . 3 »
**Esperantaj prozaĵoj**, de diversaj aŭtoroj . . . . . . . . . . . 2 50
— (1^a Parto), *Rakontoj kaj Fabeloj* . . . . . . » 25
**Esperanta Sintakso**, de P. Fruictier . . . . . . . . . . . . . 1 50
**Javal** (D^ro). *Inter blinduloj*, trad. S^ino J. Javal . . . . . . . 2 »
**Komercaj leteroj**, de P. Berthelot kaj Ch. Lambert . . . . . . . » 50
**Kondukanto de l'interparolado kaj korespondado kun aldonita Antologio Internacia**, de Grabowski . . . . . . . . . . . . . . . 2 »
**Kurso tutmonda**, de E. Gasse . . . . . . . . . . . . . . . . » 75
**Labiche et Legouvé**. *Cikado ĉe Formikoj*, unuakta komedio . . . » 60
**La Fontaine**. *Elektitaj Fabloj*, esperantigitaj de G. Vaillant . . » 75
**La Kolorigisto-aerveturanto**, de Godineau . . . . . . . . . . . » 30
**La Komerca sekretario**, de Ros Sudria . . . . . . . . . . . . » 50
**Leibniz**. *Monadologio*, tradukita de Emile Boirac . . . . . . . » 60
**Maistre** (X. de). *Vojaĝo interne de mia Ĉambro*, trad. de S. Meyer. » 75
**Matematika terminaro kaj krestomatio**, de R. Bricard . . . . . . » 75
**Molière**. *L'Avarulo*, tradukita de S. Meyer . . . . . . . . . . » 75
— *Don Juan*, tradukis E. Boirac . . . . . . . . . . . 1 50
**Orzesko**. *La interrompita kanto*, tradukita de Kabe . . . . . . . » 75
**Perrault** (Ch.). *Rakontoj pri Feinoj*, tradukitaj de Sinjorino Sarpy. 1 »
**Pola Antologio**, elektis kaj tradukis Kabe . . . . . . . . . . . 2 »
**Poŝlibro Internacia**, por Aferistoj, Turistoj, k. c., de Norman . . 2 »
**Sieroŝevski** (Vaclav). *La Fundo de l'mizero*, tradukita de Kabe . . » 75

(*Turnu.*)




L.-L. ZAMENHOF

# Fundamento de Esperanto

TRADUKITA, LAŬ LA PERMESO DE LA AŬTORO

DE

KONSTANTINO KULURI

**ELDONO GREKA**

FRANCUJO. — HACHETTE et Cie, *PARIS*.

ANGLUJO. — « REVIEW of REVIEWS », *LONDON*.
DANUJO. — ANDR.-FRED. HÖST & SÖN, *KJOBENHAVN*.
GERMANUJO. — MOLLER & BOREL, *BERLIN*.
HISPANUJO. — J. ESPASA, *BARCELONA*.
ITALUJO. — RAFFAELLO GIUSTI, *LIVORNO*.
POLUJO. — M. ARCT, *WARSZAWA*.
SVEDUJO. — ESPERANTO FÖRENING, *STOCKHOLM*.

Zamenhof, L(udwig-)L(azarus)

AL LA PLEJ KLERA Dº ZAMENHOF

*tiun ĉi traduketon la tradukinto*
*prezentas kiel malgrandegan*
*admirsignon.*

Τῷ σοφωτάτῳ καὶ μεγίστου θαυμασμοῦ ἀξίῳ
Δόκτορι Ζαμενὼφ
ἱδρυτῇ τῆς διεθνοῦς γλώσσης
ἐλάχιστον τεκμήριον θαυμασμοῦ
τὴν μικρὰν ταύτην μετάφρασιν
προσφέρει

Ὁ Μεταφραστής.

## Δήλωσις

Ἡ παροῦσα μετάφρασις ἐγένετο κατὰ παραγγελίαν τοῦ ἐν Παρισίοις ἐκδοτικοῦ οἴκου Hachette et C[ie], ἀδείᾳ δὲ καὶ ἐγκρίσει τοῦ ἱδρυτοῦ τῆς διεθνοῦς γλώσσης Δρ[ος] Ζαμενώφ.

Τὸ πρωτότυπον εἶνε συντεταγμένον εἰς πέντε γλώσσας, ὑπὸ τοῦ ἰδίου Κυρίου Ζαμενώφ, ἤτοι Γαλλικήν, Ἀγγλικήν, Γερμανικήν, Ρωσικὴν καὶ Πολωνικήν. Ἡ ἀνάγεῖρας μετάφρασις ἐκ τῆς γαλλικῆς, ἐθεωρήθη ὑπὸ τοῦ διδάκτορος τῆς φιλολογίας καὶ καθηγητοῦ, τῆς ἑλληνικῆς, λατινικῆς καὶ γαλλικῆς γλώσσης, τοῦ ἐν Χαλκίδι Γυμνασίου Νικολάου Κορωναίου.

Ὁ Μεταφραστής.
Κ. Κλρς.

Ἐν Χαλκίδι τῇ 20 Ἰανουαρίου 1907.

# Antaŭparolo

---

Por ke lingvo internacia povu bone kaj regule progresadi kaj por ke ĝi havu plenan certecon, ke ĝi neniam disfalos kaj ia facilanima paŝo de ĝiaj amikoj estontaj ne detruos la laborojn de ĝiaj amikoj estintaj, — estas plej necesa antaŭ ĉio unu kondiĉo : la ekzistado de klare difinita, neniam tuŝebla kaj neniam ŝanĝebla **Fundamento** de la lingvo. Kiam nia lingvo estos oficiale akceptita de la *registaroj* de la plej ĉefaj regnoj kaj tiu ĉi registaroj per speciala *leĝo* garantios al Esperanto tute certan vivon kaj uzatecon kaj plenan sendanĝerecon kontraŭ ĉiuj personaj kapricoj aŭ disputoj, tiam aŭtoritata komitato, interkonsente elektita de tiuj registaroj, havos la rajton fari en la fundamento de la lingvo unu fojon por ĉiam ĉiujn deziritajn ŝanĝojn, *se* tiaj ŝanĝoj montriĝos necesaj ; sed *ĝis tiu tempo* la fundamento de Esperanto devas plej severe resti absolute senŝanĝa, ĉar severa netuŝebleco de nia fundamento estas la plej grava kaŭzo de nia ĝisnuna progresado kaj la plej grava kondiĉo por nia regula kaj paca progresado estonta. *Neniu persono kaj neniu societo devas havi la rajton arbitre fari en nia Fundamento iun*

*eĉ plej malgrandan ŝanĝon!* Tiun ĉi tre gravan principon la esperantistoj volu ĉiam bone memori kaj kontraŭ la ektuŝo de tiu ĉi principo ili volu ĉiam energie batali, ĉar la momento, en kiu ni ektuŝus tiun principon, estus la komenco de nia morto.

Laŭ silenta interkonsento de ĉiuj esperantistoj jam de tre longa tempo la sekvantaj tri verkoj estas rigardataj kiel fundamento de Esperanto : 1) La 16-regula *gramatiko*; 2) la « *Universala Vortaro* »; 3) la « *Ekzercaro* ». Tiujn ĉi tri verkojn la aŭtoro de Esperanto rigardadis ĉiam kiel *leĝojn* por li, kaj malgraŭ oftaj tentoj kaj delogoj li neniam permesis al si (almenaŭ *konscie*) eĉ la plej malgrandan pekon kontraŭ tiuj ĉi leĝoj; li esperas, ke pro la bono de nia afero ankaŭ ĉiuj aliaj esperantistoj ĉiam rigardados tiujn ĉi tri verkojn kiel la solan leĝan kaj netuŝeblan fundamenton de Esperanto.

Por ke ia regno estu forta kaj glora kaj povu sane disvolviĝadi, estas necese ke ĉiu regnano sciu, ke li neniam dependos de la kapricoj de tiu aŭ alia persono, sed devas obei ĉiam nur klarajn, tute difinitajn fundamentajn *leĝojn* de sia lando, kiuj estas egale devigaj por la regantoj kaj regatoj kaj en kiuj neniu havas la rajton fari arbitre laŭ persona bontrovo ian ŝanĝon aŭ aldonon. Tiel same por ke nia afero bone progresadu, estas necese, ke ĉiu esperantisto havu la plenan certecon, ke leĝdonanto por li ĉiam estos ne ia *persono*, sed ia klare difinita *verko*. Tial, por meti finon al ĉiuj malkompreniĝoj kaj disputoj, kaj por ke ĉiu esperantisto sciu tute klare, per kio li devas en ĉio sin gvidi,

la aŭtoro de Esperanto decidis nun eldoni en formo de unu libro tiujn tri verkojn, kiuj laŭ silenta interkonsento de ĉiuj esperantistoj jam de longe fariĝis fundamento por Esperanto, kaj li petas, ke la okuloj de ĉiuj esperantistoj estu ĉiam turnataj ne al li, sed al *tiu ĉi libro*. Ĝis la tempo, kiam ia por ĉiuj aŭtoritata kaj nedisputebla institucio decidos alie, ĉio, kio troviĝas en tiu ĉi libro, devas esti rigardata kiel deviga por ĉiuj; ĉio, kio estas kontraŭ tiu ĉi libro, devas esti rigardata kiel malbona, se ĝi eĉ apartenus al la plumo de la aŭtoro de Esperanto mem. Nur la supre nomitaj tri verkoj publikigitaj en la libro « Fundamento de Esperanto », devas esti rigardataj kiel oficialaj; ĉio alia, kion mi verkis aŭ verkos, konsilas; korektas, aprobas k. t. p., estas nur verkoj *privataj*, kiujn la esperantistoj — se ili trovas tion ĉi utila por la unueco de nia afero — povas rigardadi kiel *modela*, sed ne kiel *deviga*.

Havante la karakteron de *fundamento*, la tri verkoj represitaj en tiu ĉi libro devas antaŭ ĉio esti *netuŝeblaj*. Tial la legantoj ne miru, ke ili trovos en la nacia traduko de diversaj vortoj en tiu ĉi libro (precipe en la angla parto) tute nekorekte tiujn samajn *erarojn*, kiuj sin trovis en la unua eldono de la « Universala Vortaro ». Mi permisis al mi nur korekti la *preserarojn* : sed se ia vorto estis erare aŭ nelerte *tradukita*, mi ĝin lasis en tiu ĉi libro tute senŝanĝe; ĉar se mi volus plibonigi, tio ĉi jam estus *ŝanĝo*, kiu povus kaŭzi disputojn kaj kiu en verko fundamenta ne povas esti tolerata. *La fundamento devas resti severe netuŝebla eĉ*

*kune kun siaj eraroj*. La *erareco* en la nacia traduko de tiu aŭ alia vorto ne prezentas grandan malfeliĉon, ĉar, komparante la kuntekstan tradukon en la aliaj lingvoj, oni facile trovos la veran sencon de ĉiu vorto; sed senkompare pli grandan danĝeron prezentus la *ŝanĝado* de la traduko de ia vorto, ĉar, perdinte la severan netuŝeblecon, la verko perdus sian eksterordinare necesan karakteron de dogma fundamenteco, kaj, trovante en unu eldono alian tradukon ol en alia, la uzanto ne havus la certecon, ke mi morgaŭ ne faros ian alian ŝanĝon, kaj li perdus sian konfidon kaj apogon. Al ĉiu, kiu montros al mi ian nebonan esprimon en la Fundamenta libro, mi respondos trankvile : « jes, ĝi estas eraro, sed ĝi devas resti netuŝebla, ĉar ĝi apartenas al la fundamenta dokumento en kiu neniu havas la rajton fari ian ŝanĝon. »

La « Fundamento de Esperanto » tute ne devas esti rigardata kiel la plej bona lernolibro kaj vortaro de Esperanto. Ho, ne! Kiu volas *perfektiĝi* en Esperanto, al tiu mi rekomandas la diversajn lernolibrojn kaj vortarojn, multe *pli bonajn* kaj *pli vastajn*, kiuj estas eldonitaj de niaj plej kompetentaj amikoj por ĉiu nacio aparte kaj el kiuj la plej gravaj estas eldonitaj tre bone kaj zorgeme, sub mia persona kontrolo kaj kunhelpo. Sed la « Fundamento de Esperanto » devas troviĝi en la manoj de ĉiu bona esperantisto kiel konstanta *gvida dokumento*, por ke li bone ellernu kaj per ofta enrigardado konstante memorigadu al si, kio en nia lingvo estas oficiala kaj netuŝebla, por ke li povu ĉiam bone distingi la vortojn kaj regulojn *oficia-*

*lajn*, kiuj devos troviĝi en ĉiuj lernoverkoj de Esperanto, de la vortoj kaj reguloj rekomandataj *private*, kiuj eble ne al ĉiuj esperantistoj estas konataj aŭ eble ne de ĉiuj estas aprobataj. La « Fundamento de Esperanto » devas troviĝi en la manoj de ĉiu esperantisto kiel constanta *kontrolilo*, kiu gardos lin de deflankiĝado de la vojo de unueco.

Mi diris, ke la fundamento de nia lingvo devas esti absolute netuŝebla, se eĉ ŝajnus al ni, ke tiu aŭ alia punkto estas sendube erara. Tio ĉi povus naski la penson, ke nia lingvo restos ĉiam rigida kaj neniam disvolviĝos.... Ho, ne! Malgraŭ la severa netuŝebleco de la fundamento, nia lingvo havos la plenan eblon ne sole konstante riĉiĝadi, sed eĉ konstante *pliboniĝadi* kaj *perfektiĝadi*; la netuŝebleco de la fundamento nur garantios al ni konstante, ke tiu perfektiĝado fariĝados ne per arbitra, interbatala kaj ruiniga *rompado* kaj *ŝanĝado*, ne per nuligado aŭ sentaŭgigado de nia ĝisnuna literaturo, sed per vojo *natura*, senkonfuza kaj sendanĝera. Pli detale mi parolos pri tio ĉi en la Bulonja kongreso; nun mi diros pri tio ĉi nur kelkajn vortojn, por ke mia opinio ne ŝajnu tro paradoksa :

1) *Riĉigadi* la lingvon per novaj vortoj oni povas jam *nun*, per konsiliĝado kun tiuj personoj, kiuj estas rigardataj kiel la plej aŭtoritataj en nia lingvo, kaj zorgante pri tio, ke ĉiuj uzu tiujn vortojn en la sama formo; sed tiuj ĉi vortoj devas esti nur rekomendataj, ne altrudataj; oni devas ilin uzadi nur en la *literaturo*; sed en korespondado kun personoj *nekonataj* estas bone ĉiam peni uzadi nur vortojn el la « Fundamento » ĉar

nur pri tiaj vortoj ni povas esti certaj, ke nia adresato ilin nepre trovos en sia vortaro. Nur iam poste, kiam la plej granda parto de la novaj vortoj estos jam tute matura, ia aŭtoritata institucio enkondukos ilin en la vortaron *oficialan*, kiel « *Aldonon al la Fundamento* ».

2) Se ia aŭtoritata centra institucio trovos, ke tiu aŭ alia vorto aŭ regulo en nia lingvo estas *tro neoportuna*, ĝi ne devos *forigi* aŭ *ŝanĝi* la diritan formon, sed ĝi povos proponi formon *novan*, kiun ĝi rekomendos uzadi *paralele* kun la formo malnova. Kun la tempo la formo nova iom post iom elpuŝos la formon malnovan, kiu fariĝos *arĥaismo*, kiel ni tion ĉi vidas en ĉiu natura lingvo. Sed, prezentante parton de la *fundamento*, tiuj ĉi arĥaismoj neniam estos elĵetitaj, sed ĉiam estos presataj en ĉiuj lernolibroj kaj vortaroj samtempe kun la formoj novaj, kaj tiamaniere ni havos la certecon, ke eĉ ĉe la plej granda perfektiĝado la unueco de Esperanto neniam estos rompata kaj neniu verko Esperanta eĉ el la plej frua tempo iam perdos sian valoron kaj kompreneblecon por la estontaj generacioj.

Mi montris en *principo*, kiamaniere la severa netuŝebleco de la « Fundamento » gardos ĉiam la unuecon de nia lingvo, ne malhelpante tamen al la lingvo ne sole riĉiĝadi, sed eĉ konstante *perfektiĝadi*. Sed en la *praktiko* ni (pro kaŭzoj jam multajn fojojn priparolitaj) devas kompreneble esti *tre singardaj* kun ĉia «perfektiĝado » de la lingvo: a) ni devas tion ĉi fari ne facilanime, sed nur en okazoj de efektiva *neceseco*; b) fari tion ĉi (post matura prijuĝado) povas ne apartaj perso-

noj, sed nur ia centra institucio kiu havos nedisputeblan aŭtoritatecon por la tuta esperantistaro.

Mi finas do per la jenaj vortoj :

1. pro la unueco de nia afero ĉiu bona esperantisto devas antaŭ ĉio bone koni la *fundamenton* de nia lingvo ;

2. la fundamento de nia lingvo devas resti por ĉiam *netuŝebla*;

3. ĝis la tempo kiam aŭtoritata centra institucio decidos *pligrandigi* (neniam *ŝanĝi*!) la ĝisnunan fundamenton per oficialigo de novaj vortoj aŭ reguloj, ĉio bona, kio ne troviĝas en la « Fundamento de Esperanto », devas esti rigardata ne kiel deviga, sed nur kiel *rekomendata*.

La ideoj, kiujn mi supre esprimis pri la Fundamento de Esperanto, prezentas dume nur mian *privatan* opinion. Leĝan sankcion ili ricevos nur en tia okazo, se ili estos akceptitaj de la unua internacia kongreso de esperantistoj, al kiu tiu ĉi verko kune kun sia antaŭparolo estos prezentita.

L. L. Zamenhof.

Varsovio, Julio 1905.

# FUNDAMENTA GRAMATIKO

## DE LA LINGVO ESPERANTO

# EN GREKA LINGVO

---

## Γραμματική.

### Α'. — Ἀλφάβητον.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Aa, | Bb, | Cc, | Ĉĉ, | Dd, | |
| α | μπ (μπάλωμα) | τσ (τσίρος) | τσh (τσοκολάτα) | ντ (ντάμα) | |
| Ee, | Ff, | Gg, | Ĝĝ, | Hh, | |
| ε | φ | γκ (ὀγκανίζω) | τζ ἢ δζ (χατζῆς) | χ (ἐλαφρῶς δασύ) | |
| Ĥĥ, | Ii, | Jj, | Ĵĵ, | Kk, | Ll, |
| χ (ἑλληνικὸν) | ι | γι (γιατρός) | j (ὡς γαλ. j) | κ | λ |
| Mm, | Nn, | Oo, | Pp, | Rr, | Ss, |
| μ | ν | ο | π | ρ | σ ς |
| Ŝŝ, | Tt, | Uu, | Ŭŭ, | Vv, | Zz. |
| ch (ὡς τὸ γαλ. ch) | τ | ου | ου (βραχὺ υ) | β | ζ (ζωή) |

**Σημείωσις.** — Τυπογραφεῖα μὴ ἔχοντα τοὺς χαρακτῆρας ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ, ŭ δύνανται νὰ τοὺς ἀντικαταστήσωσι διὰ τῶν ch, gh, hh, jh, sh, u.

## Β′ — Μέρη τοῦ λόγου.

**1.** Ἡ Ἐσπεράντο ἓν μόνον ὁριστικὸν ἄρθρον ἔχει *la*, ἀμετάβλητον εἰς ὅλους τοὺς ἀριθμούς, γένη καὶ πτώσεις. Ἀόριστον ἄρθρον δὲν ἔχει.

Παρατήρησις. — Ἡ χρῆσις τοῦ ἄρθρου εἶνε ἡ αὐτή ὡς καί εἰς τὴν ἑλληνικήν. Ἀλλ' εἰς ὅσους ἡ χρῆσις αὐτοῦ ἤθελε παρουσιάσῃ δυσκολίαν τινά, δύνανται κάλλιστα νὰ μὴ τὸ μεταχειρίζωνται.

**2.** Τὸ οὐσιαστικὸν καταλήγει πάντοτε εἰς *-o*. Πρὸς σχηματισμὸν τοῦ πληθυντικοῦ προστίθεται *-j* εἰς τὸν ἑνικόν. Δύο μόνον πτώσεις ἔχει · τὴν ὀνομαστικὴν καὶ τὴν αἰτιατικήν, ἥτις σχηματίζεται τῇ προσθήκῃ ἑνὸς *-n* εἰς τὴν ὀνομαστικήν. Αἱ ἄλλαι πτώσεις δηλοῦνται διὰ προθέσεων · ἡ γενικὴ διὰ τῆς *de* (ἐκ. ὑπό), ἡ δοτικὴ διὰ τῆς *al* (εἰς), ἡ ἀφαιρετικὴ διὰ τῆς *per* (διὰ) ἢ δι' ἄλλων προθέσεων, κατὰ τὴν ἔννοιαν. Παραδ. : *la patr-o* = ὁ πατήρ, *al la patr-o* = εἰς τὸν πατέρα (τῷ πατρί), *de la patr-o* = τοῦ πατρός, *la patr-o-n* = τὸν πατέρα (αἰτιατ. δηλ. ἀντικείμενον), *per la patr-o-j* = διὰ τῶν πατέρων (ἢ διὰ μέσου τῶν πατέρων), *la patr-o-j-n* = τοὺς πατέρας (αἰτ. πληθ.), *por la patr-o* = διὰ τὸν πατέρα, *kun la patr-o*, μὲ τὸν πατέρα (σὺν τῷ πατρί), κ.τ.λ.

**3.** Τὸ ἐπίθετον καταλήγει πάντοτε εἰς *-a*. Οἱ ἀριθμοὶ καὶ αἱ πτώσεις αὐτοῦ σχηματίζονται ὡς καὶ εἰς τὸ οὐσιαστικόν. Τὸ συγκριτικὸν σχηματίζεται τῇ βοηθείᾳ τῆς λέξεως *pli* = πλέον, περισσότερον (ἤ : τερος) · τὸ δὲ ὑπερθετικὸν τῇ βοηθείᾳ τῆς λέξεως *plej* = ὁ πλέον, ὁ περισσότερον (ἤ : τατος). Ὁ δεύτερος ὅρος τῆς συγκρίσεως (ὁ ἑλληνιστὶ ἐκφερόμενος διὰ τοῦ : ἤ, ἢ διὰ τῆς : ἀπό, ἢ διὰ γενικῆς), ἀποδίδεται διὰ τῆς λέξεως *ol*, εἰς δὲ τὸ ὑπερθετικὸν διὰ τῆς *el* = ἐκ, ἐξ. Παρ. : *pli blank-a ol* neĝ-o = πλέον λευκὸς ἀπὸ τὸ χιόνι (λευκότερος χιόνος). *Mi havas la plej bel-a-n*

patr-in-o-n el ciuj = ἔχω τὴν ὡραιοτάτην μητέρα (ἐξ) ὅλων.

**4.** Τὰ ἀπόλυτα ἀριθμητικὰ εἶνε ἀμετάβλητα : *unu* (1), *du* (2), *tri* (3), *kvar* (4), *kvin* (5), *ses* (6), *sep* (7), *ok* (8), *naŭ* (9), *dek* (10), *cent* (100), *mil* (1000). Αἱ δεκάδες καὶ αἱ ἑκατοντάδες σχηματίζονται δι' ἁπλῆς ἑνώσεως τῶν 10 πρώτων ἀριθμῶν. Εἰς τὰ ἀπόλυτα ἀριθμητικὰ προστίθεται : ἡ κατάληξις *-a* τοῦ ἐπιθέτου, διὰ τὰ τακτικὰ ἀριθμητικά· *obl*, διὰ τὰ πολλαπλασιαστικὰ ἀριθμητικά· *on*, διὰ τοὺς κλασματικοὺς ἀριθμούς· *-op*, διὰ τὰ ἀθροιστικὰ ἀριθμητικά. Ἡ λέξις *po* = τόσα τοῖς..., πρὸς τόσα τοῖς..., τόσα εἰς (ἕκαστον, κ.τ.λ), τιθεμένη πρὸ ἀριθμῶν σημειοῖ τὰ διανεμητικὰ ἀριθμητικά. Τέλος δὲ τὰ ἀριθμητικὰ δύνανται νὰ τίθενται ὡς οὐσιαστικὰ ἢ ὡς ἐπιρρήματα. Παραδ. : *kvin-cent tri-dek tri* = 533· *kvar-a* = τέταρτος· *tri-obl-a* = τριπλοῦς, τριπλάσιος· *kvar-on-o* = τέταρτον (1/4)· *du-op-e* = ἀνὰ δύο· *po kvin* = πρὸς πέντε (ἕκαστος)· *unu-o* = μονάς· *sep-e* = ἑπτάκις.

**5.** Αἱ προσωπικαὶ ἀντωνυμίαι εἶνε : *mi* = ἐγώ· *vi* = ὑμεῖς, σύ· *li* = αὐτός· *ŝi* = αὐτή· *ĝi* = αὐτός -ή -ό (ἐπὶ ζώων ἢ ἀψύχων), *si* = ἑαυτοῦ· *ni* = ἡμεῖς· *ili* = αὐτοί -αί -ά· *oni* = τίς, τινές (ἀορίστως). Ἐκ τούτων διὰ προσθήκης τῆς ἐπιθετ. καταλήξεως *a*, σχηματίζονται κτητικὰ ἐπίθετα ἢ κτητικαὶ ἀντωνυμίαι. Κλίνονται δὲ αἱ ἀντωνυμίαι ὡς τὰ οὐσιαστικά. Παραδ. : *mi-n* = ἐμὲ (αἰτ.), *mi-a* = ἐμός, *la vi-a-j* = οἱ ὑμέτεροι.

**6.** Τὸ ῥῆμα δὲν μεταβάλλεται οὔτε εἰς τὰ πρόσωπα οὔτε εἰς τοὺς ἀριθμούς. Παραδ. : *mi far-as* = ποιῶ, κάμνω, *la patr-o far-as* = ὁ πατὴρ ποιεῖ, κάμνει, *ili far-as* = ποιοῦσι, κάμνουσι.

**Τύποι τοῦ ῥήματος :**

α') Ὁ ἐνεστὼς διακρίνεται ἐκ τῆς καταλήξεως *-as*. Παρ. : *mi far-as* = κάμνω, ποιῶ.

β') Ὁ παρῳχημένος, ἐκ τῆς *-is* : *vi far-is* = ἐκάμνετε, ἔκαμνες (ἐποίεις), ἔκαμες, ἔχεις κάμῃ, κ.τ.λ.

γ') Ὁ μέλλων, ἐκ τῆς *-os* : *ili far-os* = θὰ κάμνωσι, θὰ κάμωσι.

δ') Ἡ ὑποθετική, ἐκ τῆς *-us* : *ŝi far-us* = θὰ ἔκαμνε (αὐτή).

ε) Ἡ προστακτική, ἐκ τῆς *-u* : *far-u* = κάμνε, κάμνετε, κάμε, κάμετε : *ni far-u* = ἄς κάμνωμεν, ἄς κάμωμεν.

στ) Ἡ ἀπαρέμφατος, ἐκ τῆς *-i* : *far-i* = κάμνειν, ποιεῖν.

ζ) Ὁ ἐνεργητικὸς ἐνεστὼς τῆς μετοχῆς, ἐκ τῆς *-ant* : *far-ant-a* = κάμνων, ποιῶν.

η) Ὁ ἐνεργητικὸς παρῳχημένος τῆς μετοχῆς, ἐκ τῆς *-int* : *far-int-a* = ἔχων κάμῃ, ποιήσας.

θ) Ὁ ἐνεργητικὸς μέλλων τῆς μετοχῆς, ἐκ τῆς *-ont* : *far-ont-a* = ἐκεῖνος ὁ ὁποῖος θὰ κάμῃ, ὁ ποιήσων.

ι) Ὁ παθητικὸς ἐνεστὼς τῆς μετοχῆς, ἐκ τῆς *-at* : *far-at-a* = καμνόμενος, ποιούμενος.

κ) Ὁ παθητικὸς παρῳχημένος τῆς μετοχῆς, ἐκ τῆς *-it* : *far-it-a* = καμομένος, πεποιημένος.

λ) Ὁ παθητικὸς μέλλων τῆς μετοχῆς, ἐκ τῆς *-ot* : *far-ot-a* = ποιηθησόμενος.

Ἡ παθητικὴ φωνὴ εἶνε ἕνωσις τοῦ ῥήματος *est* = εἶμαι καὶ τοῦ ἐνεστῶτος ἢ παρῳχημένου τῆς παθητικῆς μετοχῆς τοῦ σχηματιζομένου παθητικοῦ ῥήματος. Ἡ πρόθεσις « ὑπὸ » ἡ ἀκολουθουμένη ὑπὸ γενικῆς (ποιητικὸν αἴτιον) μεταφράζεται διὰ τῆς *de*. Π. χ. : *ŝi est-as amat-a de ĉiu-j* = ἀγαπᾶται ὑπὸ πάντων (ἐνεστ. μετοχ : ἡ πρᾶξις τελεῖται). *La pord-o est-as ferm-it-a* = ἡ θύρα ἐκλείσθη (παρῳχ. μετοχ. : ἡ πρᾶξις ἐτελέσθη).

**7**. Τὸ ἐπίρρημα διακρίνεται ἐκ τῆς καταλήξεως *-e*. Οἱ δὲ βαθμοὶ τῆς συγκρίσεως σχηματίζονται ὡς οἱ τοῦ ἐπιθέτου. Π. χ. :

*mi-a frat-o pli bon-e kant-as ol mi* = ὁ ἐμὸς ἀδελφὸς ψάλλει κάλλιον ἐμοῦ (ὁ ἀδελφός μου τραγουδεῖ καλλίτερα ἀπὸ ἐμέ).

**8**. Πᾶσαι αἱ προθέσεις συντάσσονται ὀνομαστικῇ.

## Γ'. Γενικοὶ κανόνες

**9**. Αἱ λέξεις προφέρονται ἀκριβῶς ὡς γράφονται.

**10**. Πάντοτε τονίζεται ἡ προτελευταία συλλαβὴ (ἡ παραλήγουσα).

**11**. Αἱ σύνθετοι λέξεις σχηματίζονται δι' ἁπλῆς ἑνώσεως τῶν σχηματιζόντων αὐτὰς θεμάτων, γραφομένων ὁμοῦ, χωριζομένων ὅμως διὰ μικρῶν ἑνωτικῶν[1]. Ἡ θεμελιώδης λέξις (τὸ ἔτυμον) εἶνε πάντοτε τελευταία. Αἱ γραμματικαὶ καταλήξεις λαμβάνονται ὡς λέξεις. Παρ. : *vapor-ŝip-o* = ἀτμόπλοιον σχηματίζεται ἐκ τῆς : *vapor* = ἀτμός, *ŝip* = πλοῖον, *o* = κατάληξις διακριτικὴ τοῦ οὐσιαστικοῦ.

**12**. Τὸ ἀρνητικὸν ἐπίρρημα « *ne* » = δὲν, παραλείπεται εἰς τὰς ἀρνητικὰς προτάσεις, ὅταν ὑπάρχῃ ἄλλη ἀρνητικὴ λέξις. Π. χ. : *mi neniam vid-is* = οὐδέποτε εἶδον (δὲν εἶδον ποτέ).

**13**. Ἐὰν λέξις τις σημαίνῃ τὴν πρός τινα τόπον διεύθυνσιν, λαμβάνει τὴν κατάληξιν τῆς αἰτιατικῆς. Π. χ. : *Kie vi est-as?* = ποῦ εἶσθε; *kie-n vi ir-as?* = ποῦ ὑπάγας; *Mi ir-as Pariz-o-n* = ὑπάγω εἰς Παρισίους.

**14**. Ἑκάστη πρόθεσις κέκτηται ἀναλλοίωτον καὶ ὡρισμένην ἔννοιαν, ἥτις ὁρίζει τὴν χρῆσιν. Ἐν τούτοις, ἐὰν ἡ ἔννοια δὲν ἐπιβάλλῃ ἡμῖν σαφῶς τὴν χρῆσιν ταύτης ἢ ἐκείνης, μεταχειριζόμεθα

1. Εἰς τὰ συγγράμματα ἢ τὰς ἐπιστολὰς τὰς ἀπευθυνομένας εἰς τοὺς γνώστους τῆς γλώσσης, τὰ σημεῖα ταῦτα δύνανται νὰ ἐλλείπωσι, μόνον σκοπὸν ἔχοντα τὴν εὔκολον ἐν τῷ λεξικῷ ἀνεύρεσιν τῆς καταλλήλου σημασίας ἑκάστου συστατικοῦ τῆς λέξεως, καὶ οὕτως ἀποκτῶμεν τὴν πλήρη σημασίαν, ἄν ευ οὐδεμιᾶς προηγουμένης σπουδῆς τῆς γραμματικῆς.

τὴν πρόθεσιν *je*, ἥτις δὲν ἔχει εἰδικὴν σημασίαν. Παρ. : *ĝoj-i je tio* = χαίρω ἐκ τούτου, *rid-i je tio* = γελῶ ἐξ αὐτους, *enu-o je la patrujo* = λύπη (διὰ τὴν ἀπώλειαν) τῆς πατρίδος = νοσταλγία.

Ἡ σαφήνεια τῆς γλώσσης οὐδόλως πάσχει ἐκ τούτου, καθόσον, εἰς ὅλας τὰς γλώσσας, μεταχειρίζονται εἰς τοιαύτην περίστασιν μίαν οἱανδήποτε πρόθεσιν, ἐν ᾧ ἡ Ἐσπεράντο μεταχειρίζεται μόνον τὴν *je*.

Ἀντὶ ταύτης δυνάμεθα νὰ θέσωμεν ἀπρόθετον αἰτιατικήν, ὅταν οὐδεμία ἀμφιλογία παρουσιάζεται.

**15**. Αἱ ξέναι λέξεις, αἱ λέξεις δηλονότι ἐκ τῶν ὁποίων αἱ πλεῖσται τῶν γλωσσῶν δανείζονται τὰ θέματα, εἰς τὴν Ἐσπεράντο μένουσιν ἀμετάβλητοι, λαμβάνουσαι μόνον τὴν ὀρθογραφίαν καὶ τὰς γραμματικὰς καταλήξεις τῆς Ἐσπεράντο. Ἀλλ' ὅταν ἐκ τῆς αὐτῆς ῥίζης παράγονται ἄλλαι λέξεις, προτιμότερον νὰ μεταχειριζώμεθα τὴν θεμελιώδη λέξιν, ἀναλλοίωτον, ἐξ ἧς νὰ σχηματίζωμεν τοὺς παραγώγους κατὰ τοὺς κανόνας τῆς διεθνοῦς γλώσσης (ἐσπεράντο). Παρ. : τραγῳδία = *tragedi-o*, τραγικός = *tragedi-a*.

**16**. Αἱ καταλήξεις τῶν οὐσιαστικῶν καὶ τοῦ ἄρθρου δύνανται νὰ ἐκθλίβωνται καὶ ν' ἀντικαθίστανται ὑπὸ ἀποστρόφου. Παρ. : *Ŝiller'* = Σχῆλερ, ἀντὶ *Ŝiller-o* · *de l' mond-o*, ἀντὶ *de la mond-o*.

# II

# EKZERCARO

DE LA

## Lingvo internacia " Esperanto "

§ 1.

Aa, Bb, Cç, Ĉĉ, Dd, Ee, Ff,
Gg, Ĝĝ, Hh, Ĥĥ, Ii, Jj, Ĵĵ,
Kk, Ll, Mm, Nn, Oo, Pp, Rr,
Ss, Ŝŝ, Tt, Uu, Ŭŭ, Vv, Zz.

*Aa, Bb, Cc, Ĉĉ, Dd, Ee, Ff,*
*Gg, Ĝĝ, Hh, Ĥĥ, Ii, Jj, Ĵĵ,*
*Kk, Ll, Mm, Nn, Oo, Pp, Rr,*
*Ss, Ŝŝ, Tt, Uu, Ŭŭ, Vv, Zz.*

**Nomoj de la literoj** : a, bo, co, ĉo, do, e, fo, go, ĝo, ho, ĥo, i, jo, ĵo, ko, lo, mo, no, o, po, ro, so, ŝo, to, u, ŭo, vo, zo.

§ 2.

Al. Bá-lo. Pát-ro. Nú-bo. Cé-lo. Ci-tró-no. Cén-to. Sén-to. Scé-no. Scí-o. Có-lo, Kó-lo. O-fi-cí-ro. Fa-cí-la. Lá-ca. Pa-cú-lo. Ĉar. Ĉe-mi-zo. Ĉi-ká-no. Ĉi-é-lo. Ĉu. Fe-li-ĉa. Cí-a. Ĉí-a. Pro-cé-so. Sen-ĉé-sa. Ec. Eĉ. Ek. Da. Lú-do. Dén-to. Plén-di. El. En. De. Té-ni. Sen.

Gíp-so. Gús-to. Lé-gi. Pá-go. Pá-ĝo. Ĝis. Ĝús-ta. Ré-ĝi. Ĝar-dé-no. Lón-ga. Rég-no. Síg-ni. Gvar-dí-o. Lín-gvo. Ĝu-á-do. Há-ro. Hi-rún-do. Há-ki. Ne-hé-la. Pac-hó-ro. Ses-hó-ra. Bat-hú-fo. Hó-ro. Ĥó-ro. Kó-ro. Ĥo-lé-ro. Ĥe-mí-o. I-mí-ti. Fí-lo. Bír-do. Tró-vi. Prin-tém-po. Min. Fo-í-ro. Fe-í-no. I-el. I-am. In. Jam. Ju. Jes. Ju-rís-to. Kra-jó-no. Ma-jés-ta. Tuj. Dó-moj. Ru-í-no. Vé-ro. Fá-li. Fi-dé-la. Trá-fi. Gá-lo. Grán-da. Gén-to. Prúj-no. Ba-lá-i. Pá-laj. De-í-no. Véj-no. Pe-ré-i. Mál-plej. Jús-ta. Ĵus. Ĵé-ti. Ĵa-lú-za. Ĵur-nálo. Má-jo. Bo-ná-ĵo. Ká-po. Ma-kú-lo. Kés-to. Su-ké-ro. Ak-vo. Ko-ké-to. Li-kvó-ro. Pac-ká-po.

§ 3.

Lá-vi. Le-ví-lo. Pa-ró-li. Mem. Im-plí-ki. Em-ba-rá-so. Nó-mo. In-di-fe-rén-ta. In-ter-na-cí-a. Ol. He-ró-i. He-ro-í-no. Fój-no. Pí-a. Pál-pi. Ri-pé-ti. Ar-bá-ro. Sá-ma. Stá-ri. Si-gé-lo. Sis-té-mo. Pe-sí-lo. Pe-zí-lo. Sén-ti. So-fís-mo. Ci-pré-so. Ŝi. Pá-ŝo. Stá-lo. Ŝtá-lo. Vés-to. Véŝ-to. Dis-ŝí-ri. Ŝan-cé-li. Ta-pí-ŝo Te-o-rí-o. Pa-tén-to. U-tí-la. Un-go. Plú-mo. Tu-múl-to. Plu. Lú-i. Kí-u. Ba-lá-u. Tra-ú-lo. Pe-ré-u. Ne-ú-lo. Fráŭ-lo. Paŭ-lí-no. Láŭ-di. Eŭ-ró-po. Tro-ú-zi. Ho-dí-aŭ. Vá-na. Vér-so. Sól-vi. Zór-gi. Ze-ní-to. Zo-o-lo-gí-o. A-zé-no. Me-zú-ro. Ná-zo. Tre-zó-ro. Mez-nók-to. Zú-mo. Sú-mo. Zó-no. Só-no. Pé-zo. Pé-co. Pé-so. Ne-ni-o. A-dí-aŭ. Fi-zi-ko. Ge-o-gra-fí-o. Spi-rí-to. Lip-há-ro. In-díg-ni. Ne-ní-el. Spe-gú-lo. Spí-no. Né-i. Ré-e. He-ró-o. Kon-scí-i. Tra-e-té-ra. He-ro-é-to. Lú-e. Mó-le. Pá-le. Tra-i-re. Pa-si-e. Me-tí-o. In-ĝe-ni-é-ro. In-sék-to. Re-sér-vi. Re-zér-vi.

## § 4.

Citrono. Cento. Sceno. Scio. Balau. Ŝanceli. Neniel. Embaraso. Zoologio. Reservi. Traire. Hodiaŭ. Disŝiri. Neulo. Majesta. Packapo. Heroino. Pezo. Internacia. Seshora. Cipreso. Stalo. Feino. Plu. Sukero. Gento. Indigni. Sigelo. Krajono. Ruino. Pesilo. Lipharo. Metio. Ĝardeno. Sono. Laŭdi. Pale. Facila. Insekto. Kiu. Zorgi. Ĉikano. Traetera. Sofismo. Domoj. Spino. Majo. Signi. Ec. Bonaĵo. Legi. Iel. Juristo. Ĉielo. Ĥemio.

## § 5.

Patro kaj frato. — Leono estas besto. — Rozo estas floro kaj kolombo estas birdo. — La rozo apartenas al Teodoro. — La suno brilas. – La patro estas sana. — La patro estas tajloro.

**patro**, πατήρ.
**o**, κατάληξις δηλοῦσα τὸ οὐσιαστικὸν γενικῶς.
**kaj**, καί, δέ.
**frato**, ἀδελφός.
**leono**, λέων.
**esti**, εἶμαι, εἰμί.
**as**, κατάληξις τοῦ ἐνεστῶτος τῶν ρημάτων.
**besto**, ζῷον.
**rozo**, ῥόδον.
**floro**, ἄνθος.
**kolombo**, περιστερά.
**birdo**, πτηνόν.
**la**, ἄρθρον, κοινοῦ γένους καὶ ἀριθμοῦ· ἀεὶ ἀμετάβλητον (ὁ, ἡ, τό, οἱ, αἱ, τά, κτλ.).
**aparteni**, ἀνήκω.
**al**, εἰς· δηλοῖ τὴν δοτικὴν πτῶσιν.
**suno**, ἥλιος.
**brili**, λάμπω.
**sana**, ὑγιείς -οῦς (ὁ, ἡ), τὸ -ές.
**a**, κατάληξις τοῦ ἐπιθέτ· κοινή δ' ὅλα τὰ γένη.
**tajloro**, ράπτης.

## § 6.

Infano ne estas matura homo. — La infano jam ne ploras. — La ĉielo estas blua. — Kie estas la libro kaj

la krajono? — La libro estas sur la tablo, kaj la krajono kuŝas sur la fenestro. — Sur la fenestro kuŝas krajono kaj plumo. — Jen estas pomo. — Jen estas la pomo, kiun mi trovis. — Sur la tero kuŝas ŝtono.

**infano**, τέκνον, παιδίον.
**ne**, ὄχι, δέν, μή.
**matura**, ὥριμος.
**homo**, ἄνθρωπος.
**jam**, ἤδη, πλέον (χρονικῶς).
**plori**, κλαίειν.
**ĉielo**, οὐρανός.
**blua**, κυανοῦς.
**kie**, ποῦ.
**libro**, βιβλίον.
**krajono**, μολυβδοκόνδυλον.
**sur**, ἐπί.
**tablo**, τράπεζα.
**kuŝi**, κεῖμαι.
**fenestro**, παράθυρον.
**plumo**, γραφίς (κ. πέννα).
**jen**, ἰδού.
**pomo**, μῆλον.
**kiu**, ὁ ὁποῖος -α -ον, ὅστις, ἥτις, ὅτι.
**n**, κατάληξις τῆς αἰτιατικῆς ἢ τοῦ ἀμέσου ἀντικειμένου (συμπληρώματος).
**mi**, ἐγώ.
**trovi**, εὑρίσκω.
**is**, κατάληξις τοῦ παρῳχημένου χρόνου τῶν ρημάτων· δηλοῖ δὲ τὸν παρατατικὸν, τὸν ἀόριστον, τὸν παρακείμενον καὶ τὸν ὑπερσυντέλικον τῆς ἡμετέρας γλώσσης.
**tero**, γῆ, χῶμα.
**ŝtono**, λίθος (κ. πέτρα).

## § 7.

Leono estas forta. — La dentoj de leono estas akraj. — Al leono ne donu la manon. — Mi vidas leonon. — Resti kun leono estas danĝere. — Kiu kuraĝas rajdi sur leono? — Mi parolas pri leono.

**forta**, ἰσχυρός, δυνατός.
**dento**, ὀδούς (κ. δόντι).
**j**, κατάληξις τοῦ πληθυντικοῦ.
**de**, ἐκ, ὑπό, ἀπό (πρόθεσις δηλοῦσα ἐπίσης τὴν γενικὴν τοῦ, τῆς κτλ.).
**akra**, ὀξύς, σουβλερός, κοπτερός.
**doni**, δίδω (κ. δίνω).
**u**, κατάληξις τῆς προστακτικῆς τῶν ρημάτων.
**mano**, χείρ-χειρός (κ. χέρι).
**vidi**, βλέπω.
**resti**, μένω.
**kun**, μέ, σύν, μετά (δηλοῖ : συνοδίαν, συντροφίαν).
**danĝero**, κίνδυνος.
**e**, κατάληξις τῶν ἐπιρρημάτων.
**kuraĝa**, τολμηρός, θαρραλέος.
**rajdi**, ἱππεύω.
**i**, κατάληξις τῆς ἀπαρεμφάτου τῶν ρημάτων ἰσοδυναμοῦσα ταῖς : -ειν, -ᾶν, -σθαι κτλ.
**paroli**, ὁμιλῶ.
**pri**, περί (τὸ περὶ οὗ ὁ λόγος).

## § 8.

La patro estas bona. — Jen kuŝas la ĉapelo de la patro. — Diru al la patro, ke mi estas diligenta. — Mi amas la patron. — Venu kune kun la patro. — La filo staras apud la patro. — La mano de Johano estas pura. — Mi konas Johanon. — Ludoviko, donu al mi panon. — Mi manĝas per la buŝo kaj flaras per la nazo. — Antaŭ la domo staras arbo. — La patro estas en la ĉambro.

**bona**, καλός.
**ĉapelo**, πῖλος (κ. καπέλο).
**diri**, λέγειν.
**ke**, ὅτι (σύνδεσμος), νά.
**diligenta**, ἐπιμελής, φιλόπονος.
**ami**, ἀγαπῶ.
**veni**, ἔρχομαι.
**kune**, ὁμοῦ, μαζύ.
**filo**, υἱός-υἱοῦ (γιός).
**stari**, ἵσταμαι, ὀρθοῦμαι, ὑψοῦμαι (στέκω, στέκομαι).
**apud**, πλησίον, παρά.
**pura**, καθαρός (κ. παστρικός).
**koni**, γνωρίζω.
**pano**, ἄρτος (κ. ψωμί).
**manĝi**, τρώγω.
**per**, διά, μὲ τὸ μέσον, τῇ βοηθείᾳ.
**buŝo**, στόμα.
**flari**, ὀσφραίνομαι.
**nazo**, ῥίς-ῥινός (μύτη).
**antaŭ**, πρό.
**domo**, οἰκία, οἶκος.
**arbo**, δένδρον.
**ĉambro**, δωμάτιον (κ. κάμαρα).

## § 9.

La birdoj flugas. — La kanto de la birdoj estas agrabla. — Donu al la birdoj akvon, ĉar ili volas trinki. — La knabo forpelis la birdojn. — Ni vidas per la okuloj kaj aŭdas per la oreloj. — Bonaj infanoj lernas diligente. — Aleksandro ne volas lerni, kaj tial mi batas Aleksandron. — De la patro mi ricevis libron, kaj de la frato mi ricevis plumon. — Mi venas de la avo, kaj mi iras nun al la onklo. — Mi legas libron. — La patro ne legas libron, sed li skribas leteron.

**flugi**, πετῶ, ἵπταμαι.
**kanti**, ᾄδω, τραγουδῶ (κελαδῶ).
**agrabla**, εὐχάριστος, εὐάρεστος.
**akvo**, ὕδωρ-ὕδατος (κ. νερό).
**ĉar**, διότι.
**ili**, αὐτοί, αὐταί, αὐτά.
**voli**, θέλω, βούλομαι.
**trinki**, πίνω.
**knabo**, ἀγόρι (παλληκάρι).
**for**, μακράν, ἐκτός, ἔξω, ἐκ.
**peli**, διώκω, ἀποπέμπω (κ. διώχνω).
**ni**, ἡμεῖς.
**okulo**, ὀφθαλμός (κ. 'μάτι).
**aŭdi**, ἀκούω.
**orelo**, οὖς-ὠτός (κ. αὐτί)
**lerni**, μανθάνειν.
**tial**, διὰ τοῦτο.
**bati**, δέρειν, τύπτειν.
**ricevi**, δέχομαι, λαμβάνω (παρά τινος).
**avo**, πάππος (κ. παπούλης).
**iri**, ὑπάγω (κ. πηγαίνω), πορεύομαι.
**nun**, τώρα, νῦν.
**onklo**, θεῖος.
**legi**, ἀναγινώσκω.
**sed**, ἀλλά.
**li**, αὐτός.
**skribi**, γράφω.
**letero**, ἐπιστολή.

## § 10.

Papero estas blanka. — Blanka papero kuŝas sur la tablo. — La blanka papero jam ne kuŝas sur la tablo. — Jen estas la kajero de la juna fraŭlino. — La patro donis al mi dolĉan pomon. — Rakontu al mia juna amiko belan historion. — Mi ne amas obstinajn homojn. — Mi deziras al vi bonan tagon, sinjoro! — Bonan matenon! — Ĝojan feston! (mi deziras al vi). — Kia ĝoja festo! (estas hodiaŭ). — Sur la ĉielo staras la bela suno. — En la tago ni vidas la helan sunon, kaj en la nokto ni vidas la palan lunon kaj la belajn stelojn. — La papero estas tre blanka, sed la neĝo estas pli blanka. — Lakto estas pli nutra, ol vino. — Mi havas pli freŝan panon, ol vi. — Ne, vi eraras, sinjoro: via pano estas malpli freŝa, ol mia. — El ĉiuj miaj infanoj Ernesto estas la plej juna. — Mi estas tiel forta, kiel vi. — El ĉiuj siaj fratoj Antono estas la malplej saĝa.

**papero**, χάρτης.
**blanka**, λευκός.
**kajero**, τετράδιον.
**juna**, νέος, νεαρός.

**fraŭlo**, ἀνὴρ ἄγαμος (γεροντοπαλλίκαρο).
**in**, καταληκτ. πρόσφυμα δηλοῦν τὸ θηλυκὸν γένος· παραδ. : patro, πατήρ — patrino, μήτηρ· fianĉo, μνηστός — fianĉino μνηστή· koko, ἀλέκτωρ — kokino, ὄρνις. (**fraŭlino**, δεσποινίς -ίδος (κ. ματμαζέλ.).
**dolĉa**, γλυκύς -εῖα -ύ : ἡδύς -εῖα -ύ.
**rakonti**, διηγοῦμαι.
**mia**, ἐμός, ἐμή, ἐμόν· μου (ἄτονον)· ἰδικός μου, ἰδική μου, ἰδικόν μου.
**amiko**, φίλος.
**bela**, ὡραῖος.
**historio**, ἱστορία.
**obstina**, πείσμων, ἰσχυρογνώμων.
**deziri**, εὔχομαι, ἐπιθυμῶ.
**vi**, σεῖς, ὑμεῖς, σύ
**tago**, ἡμέρα.
**sinjoro**, κύριος (συνήθ. ἡ κλητ. κύριε!).
**mateno**, πρωΐα.
**ĝoji**, χαίρομαι, ἀγάλλομαι, τέρπομαι· **ĝoja**, τερπνός.
**festi**, ἑορτάζω.
**kia**, ποῖος -α -ον (τί εἴδους, τί λογῆς).
**hodiaŭ**, σήμερον.
**en**, ἐν, ἐντός, εἰς, κατά (χρονικῶς).
**hela**, φωτεινός, λάμπων.
**nokto**, νύξ-νυκτός.
**pala**, ὠχρός.
**luno**, σελήνη.
**stelo**, ἀστήρ-ἀστέρος.
**neĝo**, χιών -όνος (κ. χιόνι).
**pli**, πλέον, μᾶλλον, περισσότερον (= τῇ συγκριτικῇ καταλήξει : -τερος).
**lakto**, γάλα-γάλακτος.
**nutri**, τρέφω· **nutra**, θρεπτικός.
**ol**, ἤ, ἀπό· τῇ βοηθείᾳ τῆς λέξεως ταύτης σχηματίζεται ὁ β΄. ὅρος τῆς συγκρίσεως.
**vino**, οἶνος.
**havi**, ἔχω.
**freŝa**, νωπός (κ. φρέσκος).
**erari**, πλανῶμαι, ἀπατῶμαι.
**mal**, προτακτικὸν πρόσφυμα δηλοῦν τὸ ἀντίθετον· παραδ. : bona, καλός — malbona, κακός· estimi, ἐκτιμῶ — malestimi, περιφρονῶ· pli, πλέον — malpli, ὀλιγώτερον, ἧττον.
**el**, ἐκ, ἐξ, ἀπό, μεταξύ.
**ĉiu**, ἕκαστος -η -ον· καθείς, μία, καθέν.
(**ĉiuj**, πάντες -σαι -τα· ὅλοι -αι -α.
**plej** (ὁ, ἡ, τὸ) πλέον, (ὁ, ἡ, τὸ) μᾶλλον· ἡ λέξις αὕτη προτασσομένη ἐπιθέτου, σχηματίζει τὸν ὑπερθετικὸν βαθμόν.
**tiel**, τόσον, ἐπίσης, οὕτω.
**kiel**, ὅσον· πῶς, τί.
**si**, ἑαυτοῦ — ἑαυτῆς κτλ. (αὐτοπ. ἀντ.).
(**sia**, ἰδικός του, ἰδική του, ἰδικόν του· του (ἄτονον)· ὁ, ἡ, τὸ ἑαυτοῦ κτλ.
**saĝa**, συνετός, νουνεχής.

## § 11.

## La feino.

Unu vidvino havis du filinojn: La pli maljuna estis tiel simila al la patrino per sia karaktero kaj vizaĝo,

ke ĉiu, kiu ŝin vidis, povis pensi, ke li vidas la patrinon; ili ambaŭ estis tiel malagrablaj kaj tiel fieraj, ke oni ne povis vivi kun ili. La pli juna filino, kiu estis la plena portreto de sia patro laŭ sia boneco kaj honesteco, estis krom tio unu el la plej belaj knabinoj, kiujn oni povis trovi.

**feino**, νύμφη μυθώδης, νηρηίς (νηρηΐδα).
**unu**, είς, μία, ἕν· τίς, τί (ἀορίστως).
**vidvo**, χῆρος.
**du**, δύο.
**simila**, ὅμοιος -α -ον.
**karaktero**, χαρακτήρ -ῆρος.
**vizaĝo**, πρόσωπον.
**povi**, δύναμαι.
**pensi**, σκέπτομαι.
**ambaŭ**, ἀμφότεροι -αι -α· καὶ οἱ δύο, καὶ αἱ δύο, καὶ τὰ δύο.
**fiera**, ὑπερήφανος.
**oni**, ἀντων. προσωπ. Ἐν τῇ ἑλληνικῇ ἀποδίδεται διὰ τοῦ γ' ἑνικ. προσ. τῆς παθ. φωνῆς ἢ διὰ τοῦ γ'. πληθ. προσ. τῆς ἐνεργ. φωνῆς ἢ διὰ τῆς ἀορίστ. ἀντων τίς.
**vivi**, ζῶ (εἶμαι ἐν τῇ ζωῇ).
**plena**, πλήρης, ἐντελής.
**portreto**, εἰκών -όνος (κ. πορτρέτο).
**laŭ**, κατά, συμφώνως πρός τι.
**ec**, καταλ. πρόσφυμα δηλοῦν ἀφῃρημένην ἰδιότητα· παραδ·: bona, καλός — boneco, ἀγαθότης· viro, ἀνήρ — vireco, ἀνδρικὴ ἡλικία, ἀρρενότης· virino, γυνή — virineco, γυναικοπρεπής, γυναικισμός· infaneco, παιδικὴ ἡλικία, νηπιότης.
**honesta**, τίμιος.
**krom**, ἔξω, ἐκτός, πλήν.
**tio**, τοῦτο.

§ 12.

Du homoj povas pli multe fari ol unu. — Mi havas nur unu buŝon, sed mi havas du orelojn. — Li promenas kun tri hundoj. — Li faris ĉion per la dek fingroj de siaj manoj. — El ŝiaj multaj infanoj unuj estas bonaj kaj aliaj estas malbonaj. — Kvin kaj sep faras dek du. — Dek kaj dek faras dudek. — Kvar kaj dek ok faras dudek du. — Tridek kaj kvardek kvin faras sepdek kvin. — Mil okcent naŭdek tri. — Li havas dek unu infanojn. — Sesdek minutoj faras unu horon, kaj unu minuto konsistas el sesdek sekundoj. — Januaro estas

la unua monato de la jaro, Aprilo estas la kvara, Novembro estas la dek-unua, Decembro estas la dek-dua.—La dudeka (tago) de Februaro estas la kvindek-unua tago de la jaro. — La sepan tagon de la semajno Dio elektis, ke ĝi estu pli sankta, ol la ses unuaj tagoj. — Kion Dio kreis en la sesa tago? — Kiun daton ni havas hodiaŭ? — Hodiaŭ estas la dudek sepa (tago) de Marto. — Georgo Vaŝington estis naskita la dudek duan de Februaro de la jaro mil sepcent tridek dua.

**multe**, ἐπίρ. πολύ.
**fari**, ποιῶ, πράττω, κάμνω.
**nur**, ἐπίρ. μόνον.
**promeni**, περιπατῶ, περιδιαβάζω.
**tri**, τρεῖς, τρία.
**hundo**, κύων-κυνός (σκύλλος).
**ĉio**, πᾶν, τὸ πᾶν.
**dek**, δέκα.
**fingro**, δάκτυλος.
**alia**, ἄλλος -η -ο.
**kvin**, πέντε.
**sep**, ἑπτά.
**kvar**, τέσσαρες, τέσσαρα.
**ok**, ὀκτώ.
**mil**, χίλια.
**cent**, ἑκατόι.
**naŭ**, εννέα.
**ses**, ἕξ (6).
**minuto**, λεπτὸν τῆς ὥρας.
**horo**, ὥρα.
**konsisti**, σύγκειμαι, συνίσταμαι.
**sekundo**, δευτερόλεπτον.
**Januaro**, Ιανουάριος.
**monato**, μήν-μηνός.
**jaro**, ἔτος.
**Aprilo**, Ἀπρίλως.
**Novembro**, Νοέμβρως.
**Decembro**, Δεκέμβρως.
**Februaro**, Φεβρουάρως.
**semajno**, ἑβδομάς.
**Dio**, θεός.
**elekti**, ἐκλέγω.
**ĝi**, αὐτός, αὐτή, αὐτό (ἀντων. τριτοπρόσωπος ἐπὶ ζώων καὶ ἀψύχων ὄντων).
**sankta**, ἅγιος -ία -ον.
**krei**, δημιουργῶ.
**dato**, ἡμερομηνία, χρονολογία.
**Marto**, Μάρτιος.
**naski**, γεννῶ, γεννῶμαι, παιδοποιῶ, τίκτω.
**it**, κατάληξις τοῦ παθητικοῦ παρωχ. τῆς μετοχῆς = -μένος, -θείς, -θη.

§ 13.

**La feino** (Daŭrigo).

Ĉar ĉiu amas ordinare personon, kiu estas simila al li, tial tiu ĉi patrino varmege amis sian pli maljunan

filinon, kaj en tiu sama tempo ŝi havis teruran malamon kontraŭ la pli juna. Ŝi devigis ŝin manĝi en la kuirejo kaj laboradi senĉese. Inter aliaj aferoj tiu ĉi malfeliĉa infano devis du fojojn en ĉiu tago iri ĉerpi akvon en tre malproksima loko kaj alporti domen plenan grandan kruĉon.

**daŭri**, διαρκῶ, συνεχίζω, ἐξακολουθῶ.
**ig**, κάμνω τινὰ ἤ τὶ νὰ... καθιστιστῶ... παραδ. : pura καθαρός — purigi καθαρίζω (κάμνω, καθιστῶ τι καθαρόν)· morti, θνήσκω — mortigi, φονεύω (κάμνω τινὰ νὰ ἀποθνήσκῃ)· sidi, κάθημαι — sidigi, καθίζω (κάμνω τινὰ νὰ καθίζῃ)· bruli, καίομαι — bruligi, καίω.
**ordinara**, συνήθης.
**persono**, ἄνθρωπος, ἀνήρ, γυνή, πρόσωπον.
**tiu**, ἐκεῖνος (ἀντων. δεικτ.).
**ĉi**, ἡ λέξις αὕτη ἐκφράζει τὸ πλησίον κείμενον· παραδ. : tiu ἐκεῖνος — tiu ĉi οὗτος (οὗτος ἐδώ, οὑτοσί)· tie ἐκεῖ — tie ĉi ἐδώ.
**varma**, ζ ττός, θερμός.
**eg**, τὸ καταληκτ. τοῦτο πρόσφυμα δηλοῖ μεγέθυνσιν, ἀνώτερον βαθμόν· σχηματίζει δὲ μεγεθυντικά· παρ. : pordo θύρα — pordego μεγάλη θύρα, πύλη, πυλών (κ. πορτάρα)· peti, παρακαλῶ — petegi, ἱκετεύω· varma, θερμός — varmega, καυστηρός· mano χείρ — manego, μεγάλη χείρ (κ. χεροῦκλα).
**sama**, ὁ αὐτός, ἡ αὐτή, τὸ αὐτό· ὁ ἴδιος.
**tempo**, χρόνος.
**teruro**, φόβος, τρόμος (κ. τρομάρα).
**kontraŭ**, ἐναντίον, κατά (τινος).
**devi**, ὀφείλω, πρέπει.
**kuiri**, μαγειρεύειν.
**ej**, καταληκτικὸν πρόσφυμα δηλοῦν τόπον προωρισμένον ἔις τι· παραδ. : preĝi, προσεύχομαι — preĝejo, ἐκκλησία· kuiri, μαγειρεύω — kuirejo, μαγειρεῖον.
**labori**, ἐργάζομαι.
**ad**, τὸ καταληκτ. τοῦτο πρόσφ. δηλοῖ πρᾶξιν, διάρκειαν πράξεώς τινος· pafo, πυροβολισμός — pafado, πυροβόλησις πολλῶν συνάμα τυφεκίων, συμπυροβολισμός· danco, χορός — dancado, ὁ χορευτής, (ἡ) ὄρχησις κατὰ συνέχειαν
**sen**, ἄνευ χωρίς (= ἀ στερητικόν).
**ĉesi**, παύω.
**inter**, μεταξύ.
**afero**, ἀσχολία, ἔργον.
**feliĉa**, εὐτυχής.
**fojo**, φορά.
**ĉerpi**, ἀντλῶ, ὑδρεύομαι (κ. βγάζω νερό).
**tre**, λίαν, πολύ.
**proksima**, πλησίον ὁ παρακείμενος τόπος, ὁ γειτνιάζων.
**loko**, θέσις, τόπος.
**porti**, φέρω.
**n**, κατάληξις οὐ μόνον τῆς αἰτιατ. πτώσ., ἀλλὰ καὶ τῆς πρός τινα τόπον μεταβάσεως.
**kruĉo**, ὑδρία (κ. στάμνα).

## § 14.

Mi havas cent pomojn. — Mi havas centon da pomoj. — Tiu ĉi urbo havas milionon da loĝantoj. — Mi aĉetis dekduon (aŭ dek-duon) da kuleroj kaj du dekduojn da forkoj. — Mil jaroj (aŭ milo da jaroj) faras miljaron. — Unue mi redonas al vi la monon, kiun vi pruntis al mi; due mi dankas vin por la prunto; trie mi petas vin ankaŭ poste prunti al mi, kiam mi bezonos monon. — Por ĉiu tago mi ricevas kvin frankojn, sed por la hodiaŭa tago mi ricevis duoblan pagon, t. e. (= tio estas) dek frankojn. — Kvinoble sep estas tridek kvin. — Tri estas duono de ses. — Ok estas kvar kvinonoj de dek. — Kvar metroj da tiu ĉi ŝtofo kostas naŭ frankojn; tial du metroj kostas kvar kaj duonon frankojn (aŭ da frankoj). — Unu tago estas tricent-sesdek-kvinono aŭ tricent-sesdek-sesono de jaro. — Tiuj ĉi du amikoj promenas ĉiam duope. — Kvinope ili sin ĵetis sur min, sed mi venkis ĉiujn kvin atakantojn. — Por miaj kvar infanoj mi aĉetis dek du pomojn, kaj al ĉiu el la infanoj mi donis po tri pomoj. — Tiu ĉi libro havas sesdek paĝojn; tial, se mi legos en ĉiu tago po dek kvin paĝoj, mi finos la tutan libron en kvar tagoj.

**on**, καταληκτικὸν δηλοῦν τοὺς κλασματικοὺς ἀριθμούς· παραδ.: kvar, τέσσαρα — kvarono, τὸ τέταρτον (1/4).
**da**, ἡ πρόθεσις αὕτη κατόπιν ποσοτικῶν, μέτρου, βάρους καὶ ἀριθμητικῶν, ἀποδίδεται ἑλληνιστὶ διὰ γενικῆς.
**urbo**, πόλις.
**loĝi**, κατοικῶ, οἰκῶ.
**ant**, κατάληξις τοῦ ἐνεστῶτος τῆς ἐνεργητικῆς μετοχῆς = -ων, -ουσα, -ον.
**aĉeti**, ἀγοράζω.
**aŭ**, ἤ.
**kulero**, κοχλεάριον (κ. κουτάλι).
**forko**, περόνη (πιρόνιον).
**re**, ἐκ νέου, πάλιν (κ. ξανα-, ἐπανα-, ἀπο-)· παραδ.: doni, δίδω — redoni, ἀποδίδω, ἐπιστρέφω (τὸ ληφθέν).
**mono**, χρήματα (κ. μονέδα).

**prunti**, δανείζω.
**danki**, εὐχαριστῶ (κ. μερσί).
**por**, διά.
**peti**, παρακαλῶ.
**ankaŭ**, ἐπίσης.
**post**, ὕστερον, μετὰ ταῦτα, ἔπειτα, μετά (χρονικῶς).
**kiam**, ὅταν, ὅτε, πότε.
**bezoni**, χρειάζομαι, ἔχω ἀνάγκην τινος.
**obl**, καταληκτικὸν συναπτόμενον εἰς τὰ ἀπόλυτα ἀριθμητικὰ καὶ σχηματίζον τὰ πολλαπλασιαστικὰ ἀριθμητικὰ ἐπίθετα (= -πλους, -πλάσιος)· παραδ. : du, δύο — duobla, διπλοῦς, διπλάσιος.
**pagi**, πληρώνω.
**ŝtofo**, ὕφασμα.
**kosti**, ἀξίζω (κ. κοστίζω).
**ĉiam**, πάντοτε.
**op**, καταληκτικὸν σχηματίζον τὰ ἀθροιστικὰ ἀριθμητικά· παραδ. : du, δύο — duope, ἀνὰ δύο, δύοδύο, κατὰ δύο, σύνδυο, δύο όμου.
**ĵeti**, ρίπτω.
**venki**, νικῶ.
**ataki**, προσβάλλω, ἐπιτίθεμαι.
**paĝo**, σελὶς (βιβλίου).
**se**, ἐάν, ἄν.
**po**, δηλοῖ διανομὴν πρὸς, ἀπὸ, πρὸς τόσα τοῖς..., ἀπὸ τόσα εἰς (ἕκαστόν).
**fini**, τελειώνω.
**tuta**, ὁλόκληρος, ὅλος, ὁλκιός.

§ 15.

## **La feino** (Daŭrigo).

En unu tago, kiam ŝi estis apud tiu fonto, venis al ŝi malriĉa virino, kiu petis ŝin, ke ŝi donu al ŝi trinki. "Tre volonte, mia bona," diris la bela knabino. Kaj ŝi tuj lavis sian kruĉon kaj ĉerpis akvon en la plej pura loko de la fonto kaj alportis al la virino, ĉiam subtenante la kruĉon, por ke la virino povu trinki pli oportune. Kiam la bona virino trankviligis sian soifon, ŝi diris al la knabino : "Vi estas tiel bela, tiel bona kaj tiel honesta, ke mi devas fari al vi donacon" (ĉar tio ĉi estis feino, kiu prenis sur sin la formon de malriĉa vilaĝa virino, por vidi, kiel granda estos la ĝentileco de tiu ĉi juna knabino). "Mi faras al vi donacon," daŭrigis la feino, "ke ĉe ĉiu vorto, kiun vi diros, el via buŝo eliros aŭ floro aŭ multekosta ŝtono."

